# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

30a jaro | Novembro-Decembro 1978 | N-ro 6



Helsinki - moderna ĉefurbo de Finnlando.

TURKU-plano

1 - Haveno
2 - Kastelo
3 - Stacidomo
4 - Placo de la merkato
5 - Aŭtobusoj
6 - Katedralo
7 - Universitato
8 - Kongresejo




INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO - FEDERACIO

Sekretariejo: E. Kruse, Wienerstr. 121, D-6000 Frankfurt/Main 70 - GERMANIO
Redaktoro: Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, 78420 Carrières/Seine, FRANCIO
Bankkonto: Provinsbanken, konto 7353-350550 - DK 9800 Hjørring - DANIO

## TURKU

Nia venontjara kongresurbo festos en 1979 sian 750-jaran ekziston kiel urbo. Post obskura pratempo malgranda loĝloko evoluadis helpe de komerca aktiveco ĉe la elfluejo de la rivero Aŭra. Tiu rivero trafluante la urbon ĉiam determinis la urboplanon. Ĉirkaŭ 1280 konstruiĝis ĉe la elfluejo, sur tiatempa insuleto, la kastelo de Turku. Post variaj episodoj la kastelo nuntempe servas kiel muzeo kaj ejo por festaj okazaĵoj. La evoluon de la urbo multfoje interrompis incendioj kaj militaj perturboj, sed ĝi neniam perdis sian vivokapablon. Dum jarcentoj ĝi restis la ĉefa administra kaj kultura centro de la lando.

La lerneja kaj universitata influo multe stimulis la evoluon de la urbo. En 1326 la unua "katedrala" lernejo de la lando estis fondita en Turku, kaj en 1640 la unua universitato estis kreita. Nuntempe la urbo posedas kvar altlernejojn, inter ili la svedlingvan Åbo Akademi.

Aktuale la urbo nombras 165.000 da loĝantoj, kies duono laboras en varispecaj industrioj. La haveno kun ĝiaj ŝipfarejoj kaj dokoj servas al granda pasaĝer- kaj vartrafiko tra




la tuta jaro.

Sekve de sia historia signifo kaj de sia geografia situo Turko estas grava centro ankaŭ de turismo. Speciale alloga estas la vastega arkipelago etendiĝante suden kaj okcidenten de la urbo kaj ofertante idiliajn kondiĉojn por feriado kaj akvosporta aktivado.

Por internaciaj kongresoj kreiĝis lastjare eĉ pli bonaj premisoj, kiam la nova Kongresa Centro "Ikituuri" ekfunkciis. Tiu ĉi entrepreno baziĝas sur la jam antaŭe ekzistanta somera hotelo, al kiu nun aldoniĝis vera kongreseja konstruaĵo ampleksanta altnivelan kongreshotelon, diversgrandajn salonojn kaj plurspecajn manĝoservojn. En tiu Centro ni okazigos la 31.-an IFEF-kongreson.

---

## Iom pri la Kongresa Centro "Ikituuri"

La Centro situas je la nordorienta rando de la urbo, sed sufiĉe proksime por esti facile atingebla per aŭtobusoj kaj ankaŭ piedire de la urba centro. La distanco de la haveno estas ĉa. 6 km. La centro konsistas el nova kongreshotelo kaj el ekde 1968 konstruataj studentaj loĝdomoj estigantaj la t.n. Someran Hotelon.

Ĉiuj ĉambroj kaj en kongreshotelo kaj en somera hotelo estas dulitaj. En la unue citita la ĉambroj estas provizitaj per banĉambro plus necesejo, kaj en la due citita per duŝo kaj necesejo. La somera hotelo, kie kongresanoj principe estos loĝigataj, ofertas entute 2200 litojn en 1100 ĉambroj. Je dispono de la gastoj es-

tas pluraj saŭnoj, naĝejo, kafeterio kaj trinkaĵservejo, promenejo. La restoraciaj servoj inkludas la unuaklasan restoracion "Aŭrora" kun rokokostila instalaĵo. Por rapidaj lunĉoj dum interkunvenaj paŭzoj ofertas sin la memserva restoracio "Feniks", kie oni laŭbezone aranĝas komunan manĝotempon por ĝis 350 personoj.

La plej granda halo de la kongresejo nomiĝas "Arena" kaj ĝia amplekso kaj nombro de sidlokoj estas adaptebla al bezonoj de la respektiva kongreso, maksimume por 2300 personoj. Pli ol 20 pli malgrandaj kunvenejoj, kunigeblaj ankaŭ al pli grandaj ejoj, estas je dispono.

Unu poŝtoficejo kaj banko-agentejo funkcias en kadro de la akceptejo de Kongreshotelo.

El la grandega kapacito sekvas tamen ke samtempe en la Centro povas okazi du aŭ pliaj kongresaranĝoj kaj tio postulas interkonsenton pri utiligo de kunvenejoj kaj bezonataj servoj.

- o - o - o -

---

LASTMOMENTA SCIIGO

Kun granda bedaŭro ni devas komuniki, ke nia sekretario kaj amiko dum multaj jaroj

JAN LOK

mortis la 28-an de novembro en la aĝo de 80 jaroj.

Nekrologo aperos en la venonta numero de IF.

I. F. E. F. -ESTRARO

---

BONDEZIROJ POR 1979

AL ĈIUJ NIAJ MEMBROJ KAJ GEAMIKOJ NI PLEJ KORE DEZIRAS AGRABLAJN FESTOTAGOJN KAJ ĈION BONAN POR LA VENONTA JARO.

I. F. E. F. -ESTRARO

## LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO SKISEMAJNO

en MARIA ALM - HINTERMOOS 17-an ĝis 24-an de marto 1979.

Konstanta adreso: AFEF, A-1103 Wien, Poŝtfako 117.

Ĝis fino de oktobro 1978 aliĝis 70 partoprenantoj el 8 landoj, kvankam la limdato por la aliĝo estas nur la 31.1.1979. La nuna aliĝfino estos la 31.12.1978, sed ni ankoraŭ konsideros nur maksimume 20 aliĝintojn, kiuj loĝos private.

La distanco de la stacidomo Saalfelden ĝis Hintermoos estas 9 km. Vi povos uzi la specialajn "TAXIBUS", kiuj forveturos de la stacidomo Saalfelden. La prezo estos aŭ.ŝ. 20,-.

La trajno "SKI-EKSPRES" (Bruselo 20.00-a.h.) kaj "AŬSTRIA-EKSPRES" (Amsterdamo 19.18-a.h.) trafikas kun rektaj vagonoj trans München-Kufstein-Wörgl al SCHWARZACH-ST.VEIT (alveno en Saalfelden 9.39-a.h.). La trajno "ARLBERG-EKSPRES" Ex 469 (Parizo 23.10-a.h.) haltos sabate eksterplane en Saalfelden (ĉa. 14.10-a.h.)

Se vi mendis skiojn aŭ ŝuojn anoncu tion tuj post via alveno. Vi ricevos ilin sabate posttagmeze en Maria Alm.

La provizora programo:

| | | |
|---|---|---|
| sabate | 17.3. | alveno - interkona vespero |
| dimanĉe | 18.3. | komenco de skikursoj<br>karnavala vespero |
| lunde | 19.3. | skikursoj - libera vespero |
| marde | 20.3. | skikursoj - filmprezentado |
| merkrede | 21.3. | ekskurso Kaprun - amuza vespero |
| ĵaŭde | 22.3. | skikursoj - esperantovespero |
| vendrede | 23.3. | konkuroj - festvespero |
| sabate | 24.3. | hejmveturado |

NE FORGESU NAĜKOSTUMON ! !

Ni deziras bonan vojaĝon al la 20-a IFES en Aŭstrio !

Por la L.O.K.

Walter Huber e.h.    Franz Scharf e.h.

---

## EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

Ĉeĥoslovakio.

Konferenco en urbo Havîrov. La 26-27an de aŭgusto 1978 okazis en urbo Havîrov (norda parto de Moravio) fervojista konferenco, kiun partoprenis 40 ĉeestantoj de diversaj lokoj de la respubliko - eĉ kun la eksterlandaj gastoj prezidanto de IFEF s-ro Giessner, Okcidenta Germanio, s-ro Stuppnig el Aŭstrio kaj s-ro Koppel el Estonio (Sovjet-Unio).

La 26an de aŭgusto antaŭtagmeze okazis solena flora marŝ-parado tra la urbo Havířov, kiu estas jam famkonata.

Nia konferenco posttagmeze pasis en amika kaj sincera medio. Tre utila estis ne nur konferenco pri kiu estis prizorgita la venonta laboro de nia sekcio, sed ankoraŭ daŭris grava diskutado vespere pri la amuza vespero eĉ kun la ano de ĈEA.

Ni esperas, ke nia fervojista laboro en la sekcio tre pliboniĝos en la proksima tempo. Ankaŭ kun ĝojo ni akceptis novajn junajn anojn, kiuj entuziasme deziras labori por nia sekcio.

Esperanto-balo en urbo Česka Třebová.
La 10-a Esperanto-balo okazos
vendrede la 9-an de februaro 1979
je la 20-a horo kaj
sabate la 10-an de februaro 1979
je la 20-a horo
ĉiam en granda salono de Uzina Klubo de Fervojistoj en Česka Třebová.

Precizajn informojn bonvolu peti ĉe:

s-ano Jiři Pištora,
Nám. Míru 1746,
CS 560 02 Česka Třebová.
Telefono 3129.

GERMANIO

Esperanto- kaj Zamenhof-stratoj kune en Schwelm.

Sabaton, la 28-an de oktobro 1978, urbestro Rainer Döring en (D-5830) Schwelm inaŭguris Esperanto-vojon. Jam ofte oni nomigis stratojn laŭ Zamenhof aŭ Esperanto, tamen la stratinaŭguro en Schwelm estas rimarkinda. Ambaŭ stratoj estas kunligitaj kaj la stratŝildoj estas je unu masto. Tio estas unika en la mondo. (vidu bildon).

Schwelm (33000 enloĝantoj) estas ĉefurbo de la distrikto Ennepe-Ruhr kaj situas inter la grandurboj Wuppertal kaj Hagen, 50 km nordoriente de Köln. Jam unu jaron post refondiĝo de Esperanto-grupo en Schwelm, la tiama urbestro inaŭguris Zamenhofvojon apud la ĉefstrato, ĝuste la 14-an de aprilo 1967, je la 50-a datreveno de la morto de d-ro Zamenhof. Jam tiam oni nomigis planitan apudan straton laŭ Esperanto. Post planŝanĝo oni en ĉi tiu jaro komencis konstrui pluajn domojn, kaj la Esperanto-grupo petis nomigi la nunan krucantan straton laŭ Esperanto. Ĉar la Esperanto-grupo prefere pro sia aktiva subteno de la Esperanto-infanvilaĝo "Bona Espero" en Brazilo estas konata en la urbo, la magistrato konsentis.

La stratinaŭguro fariĝis internacia renkontiĝo. De la ĉirkaŭ 200 partoprenantoj venis 15 el Nederlando, 12 el Belgujo, la japaninoj Kimie kaj Nikola Markarian, ambaŭ en kimono, kaj gesinjoroj Harvey el Skotlando, krome kelkaj eksterlandanoj, kiuj dumtempe vivas en Germanio. La urbestro ripetis sian paroladon ankaŭ en Esperanto! Plue parolis d-ro Bormann por UEA, s-ino Bormann por GEA, s-ro Grass por GEFA, s-ro Behrmann por ILEI kaj delegito el ĉiu reprezentita lando.

Poste komencis festo je favoro de "Bona Espero". La "Esperanto-virinoj" de Schwelm vendis membakitajn kukojn kaj kafon, kiun mem rikoltis la infanoj de "Bona Espero". La sekretariino de IFEF, s-ino Kruse, kiu dum 2 monatoj kunlaboris en




En la mezo s-ro Kronshage, UEA-delegito kaj grupestro en Schwelm, maldekstre, malantaŭe: s-ro Döring, urbestro, dekstre s-ro Schindler, UEA-fakdelegito.
(foto de s-ro Kleinhempel el Schwelm).

"Bona Espero", kunportis la kafon. Poste ŝi montris lumbildojn pri la vivo en "Bona Espero". Pro ŝia interesa prelego ŝi ricevis grandan aplaŭdon de la preskaŭ 200 aŭskultantoj. Plua kulmino de tiu posttagmezo estis la belaj kantoj de la kantgrupo de la societo de la Ercmontaranoj el Wuppertal. Tiuj 6 kantistinoj sub gvidado de Esther Melzer estas la plej konata kantgrupo de tiu societo en Germanio.

Iom pli ol 100 personoj restis ankaŭ dum la vespermanĝo, kiun preparis la Esperanto-virinoj el Schwelm. Dum la amuza vespero ni kaj niaj eksterlandaj geamikoj babilis kaj dancis ĝis la 23-a horo.

Dimanĉon, la 29-an de oktobro, ni faris ekskurson kun niaj eksterlandaj gastoj per la fama pendfervojo tra Wuppertal kaj al la kastelo Burg ĉe Solingen. La vilaĝo Burg kun siaj tipaj trabkonstruaĵoj tre plaĉis al la 38 ekskursantoj. Ankaŭ la vizito de la bone renovita kastelo, kie iam regis la grafoj de Berg la "Bergan Landon", vekis intereson. Dum la komuna tagmanĝo ni ĝuis specialan manĝaĵon de la regiono, la riĉenhavan "Berglandan kaftrinkadon". Post reveturado per aŭtobusoj kaj pendfervojo ni adiaŭis niajn eksterlandajn gastojn.

Ĉar ĉiuj geamikoj inkluzive la Ercmontaranoj libervole kaj je propraj kostoj preparis la feston kaj kunlaboris kaj la vizitantoj honorigis la noblan celon, ni povas sendi al la Esperanto-infanvilaĝo "Bona Espero" la sumon de 1800 germanaj markoj! Cetere, la plej multaj el la Esperanto-grupo Schwelm kaj de la vizitantoj el malproksimaj regionoj estas membroj de IFEF. Tial la urbo ankaŭ senpage starigis mastojn kun la Esperanto-flago kaj la urba flago kontraŭflanke de la stacidomo.

La Esperanto-grupo Schwelm dankas al ĉiuj donacintoj.

Heinz Schindler

PS: Vi estas petataj sendi multajn gratul- kaj dank-poŝtkartojn al la urbestro de Schwelm: s-ro Rainer Döring, Rathaus, Schwelm, Germanio. DANKON.

## INFORMO

por la amikoj de la Esperanto-infanvilaĝo "BONA ESPERO" en Brazilo.

Prefere la sekvontaj objektoj estas necesaj:

Ŝuoj, infanŝuoj, pantalonoj, ĉemizoj, pluvvestaĵoj, malpezaj somervestaĵoj, gumbotoj, littukoj, kovriloj, mantukoj (ĉio uzitaj, sed puraj), plue pupoj kaj aliaj ludiloj, tondiloj, tranĉiloj, tenajloj kaj alia metiista ilaro, manĝilaro, krajonoj kaj kajeroj por la lernejoj k.t.p., ankaŭ sapo.

Adreso:
Fazenda Escola Bona Espero
BR - 77260 Alto Paraiso (Goias)
Brazilo.

La afrankkostoj por paketoj al Brazilo estas en Germanio:

10 kg - 20.40 DM
15 kg - 28.90 DM
20 kg - 36,80 DM

La francaj afrankkostoj certe estas similaj.

Bonvolu bone paki kaj ŝnurumi la paketojn, ĉar ili estas 2-3 monatojn survoje. Ne sendu malgrandajn paketojn, ĉar oni en Brazilo devas pagi paketimposton, kiu por malgranda paketo estas sama alta kiel por granda. Eble aldonu ĉokoladon aŭ aliajn dolĉaĵojn por la infanoj en ladskatoloj (ekz. kafskatoloj).

Pluajn informojn donas:
Heinz Schindler,
Max-Klein-Str. 21
D-5830 Schwelm
Tel. 02125 - 15654.

Cetere: Bona Espero kaj ankaŭ la prosperanta Esperanto-movado en Bogota/Kolombio petis nin pri Esperanto-libroj. Vi povos sendi ilin kiel presaĵo je reduktita prezo. Bonvolu demandi pri la kondiĉoj je via poŝtoficejo. Ankaŭ presaĵojn vi povas sendi "registrite", tiel ke vi eble ricevos kompenson, se io perdiĝas.

Adreso en Kolombio:

S-ro prof. Lope Hugo Ortegón,
Diagonal 85, n-ro 26-27,
Bogota 8.
Kolombio.

---

# Brazilo, ne imagebla lando. 2

(la 1-an parton vi trovas en IF 5, paĝoj 67-69)

Sur la aŭtoŝoseo Brasilia-Sao Paulo moviĝas grizkolora kombio kun konsiderinda rapideco. Ĝi portas la aŭtosignon de Alto Paraizo. Tio sufiĉas por havi ne nur la atenton de preterveturantaj ŝoforoj, sed ankaŭ de la limpolicistoj, kiuj pli malpli severe kontrolas ĝin. La loko AP ne havas la plej bonan famon, ĉar la enloĝantaro estas la plej malriĉaj en la ŝtato Gojas. La 8 personoj, kiuj venas de Bona Espero, ne ĝenas pro

tio. Giuseppe trankvile ŝoforas, fajfante unu melodion post la alia, 5 knaboj, Gisela kaj mi estas la pasaĝeroj. Ni ĉiuj ĝojas pri la bona aŭtovojo, kiu ege diferencas de la ĝisnuna. Post dutaga restado en Brasilia ni forveturas sen Ursula, kiu ne ĝustatempe ricevis necesajn dokumentojn kaj do sekvos alivoje alian tagon. La oficialaj instancoj de ĉi tiu lando neniam urĝas, ĉion ili faras lastmomente. Tion mi kelkfoje observas.

Post ĉirkaŭ 500 km ni atingas Überlandia. Amike akceptas nin d-ro Wutke, veterinaro (germandevena laŭnome, sed li ne parolas germane, des pli bone Esperanton). Li zorgas pri modesta tranoktejo kaj lia filo pilotas nin tra trafikvigla urbo. Alian matenon tre frue ni denove startas. Antaŭ ni kuŝas longa vojo. Ni provizas nin per manĝaĵo por esti sendependa. Tio montriĝas tre taŭga. Kelkfoje ni komfortigas nin per trinkaĵo aŭ freŝaj ananasoj, kiuj haveblas je stando apud la aŭtovojo. Alie ni ne perdas tempon. Preskaŭ epikure ni ĝuas la verdan pejzaĝon kun la multnombraj altaĵoj kaj montetoj. Ĝi ne estas komparebla kun la norda parto, de kie ni venas. Dum multaj kilometroj videblas fekundaj kulturplantejoj; alternas oranĝoj, citronoj, kakao, ananasoj, bananoj, rizo, sukerkano, avokadoj, eŭkalipto-arboj kaj kafo, kafo, kafo. Imponan bildon donas la tie tipaj araŭkarioj (pingloarboj kun globformaj konusoj). Aŭ ni preterpasas vastajn paŝtejojn kun bovinoj blankaj kun grandaj kornoj kaj ĝibon. Senfina vasteco, preskaŭ sen homoj. Mirige mi demandas min "kie estas la brazilanoj?"

Ĉe Icem ni atingas la riveron Rio Grande, ĉe kies bordo konstruiĝis granda elektrejo. Nun dum la seka sezono ĝi ne havas tro da akvo. Unufoje mi vidas fervojon, unutrakan, nur por vartrafiko. La fervojo ne ludas gravan rolon en ĉi tiu vastega teritorio. La persontrafiko (escepte laŭlonge de la marbordo) okazas ĉefe per aŭtobusoj. La stratoj estas bonegaj, kvankam ili diferencas de unu ŝtato al la alia (Gojas - Brasilia - Minas - Gerais - Belo Horizonte - Sao Paulo).

Nia brava kombio prenas ĉiujn hurdojn kaj post preterpaso de la urboj S. José de Rio Preto kaj Lins ni atingas la 14-an de julio vespere la urbon Marilia en la ŝtato Sao Ĵaulo. Malantaŭ ni etendiĝas 1250 km.

Marilia estas la loko de la 1-a Latin-amerika kongreso. Ĝi prezentas sin kiel moderna industria urbo kun 150.000 da enloĝantoj. Densa trafiko regas en la urbo-kerno. Abundas rubandoj kaj afiŝoj, bonvenigante la kongresanojn, kiuj venas el la tuta lando. Multaj el ili estis survoje dum 3 tagoj per aŭtobusoj, venis longan distancon ekz. de Recife, Natal, Fortaleze aŭ Belem. Mikspoto de diversaj rasoj (portugaloj, indianoj, negroj, eŭropanoj, azianoj aŭ ties mestizoj)! Inter ili belstaturaj, fieraj homoj, gracie paŝantaj. Modesta konduto distingas ilin. Multaj gejunuloj estas bonegaj esperantistoj. Surprizas ilia preteco lerni. Antaŭ 20-30 jaroj parte la gepatroj estis analfabetoj aŭ eĉ ankoraŭ sklavoj. Iliaj gefiloj hodiaŭ kuraĝe kaptas ĉiun okazon por paroli kun la eksterlandanoj. Ĉiam denove mi miras, kiom bone ili prononcas la lingvon. Ne la lingva problemo estas ilia zorgo (ĝi ja fakte ne ekzistas, ĉar en la tuta lando de nordo ĝis sudo regas la portugala lingvo), sed la interna ideo de d-ro Zamenhof entuziasmigas ilin.

La urbaj instancoj alte taksas la unuan kongreson en sia metropolo. LKK ĝuas favoran subtenon. Gazetaro, radio kaj televido intervjuas

kaj raportas ĉiutage. Komercistoj donacas aŭ disponigas necesajn objektojn kaj materialon, invitas al festo kaj koncerto.

En moderna, ideala konstruejo manifestiĝas la inaŭguro. Delegitoj de 12 landoj: Argentino, Brazilo, Britio, Ĉilio, Francio, Germanio, Meksikio, Paragvajo, Peruo, Urugvajo, Usono, Venezuelo kaj pola konsulo paradas por la respektivaj landoj. Ĉeestas pli ol 500 partoprenantoj. Por IFEF mi transdonas la salutojn. La fakto, ke IFEF estas la plej granda faka asocio de UEA, elvokas pli intimajn diskutojn kun interesuloj.



La sekretariino de IFEF salutas nome de la Federacio la 1-an Latinamerikan Kongreson en Marilia.

Pri la multnombraj kongresaranĝoj mi ne skribu. Kompetentuloj aliloke raportas detale. Mi utiligas aŭskultadon de sciencaj, religiaj aŭ teknikaj prelegoj, vizitas faman psikiatrian hospitalon, sportan kaj kulturan centron, Zamenhof-monumenton antaŭ la urba biblioteko, babilas kun longjara meksika korespondanto aŭ novaj gekonatuloj, rigardas teatraĵon, futballudon k.a. Organizo ofte lamas, anstataŭas ĝin tre lerta improvizado. Ĉiam kaj ĉie konstante oni aŭdas la internacian lingvon.

Iun tagon mi vizitas la staciestron de Marilia. Fine mi estas fervojistino! Interesas min la lokaj cirkonstancoj, sed mi ege seniluziiĝas. En la tuta stacio mankas ne nur trajno, eĉ ne videblas unu vagono. Konversacio eblas nur pere de LKK-ano, sed videble impresas la brazilan kolegon la senpera traduko, kaj ĝi finas per amuza dialogo.

Kompreneble mankas nek ekskurso nek postkongreso. La unua kondukas nin al Salto Grande, kie situas CESP (Centro elektra Sao Paulo) kun granda fiŝbredejo. La postkongreso okazas en Baŭru. En novkonstruita universitato la fakultato de filozofio honorigas nin per akcepto. La dekano estas ĉarma monaĥino, kiu same kiel la urbestro kaj aliaj personoj bonvenigas nin en Esperanto. Kantistino kun elokventa voĉo kantas i.a. "Feliĉo" de Ramona van Dalsem kaj "Ave Maria de la Monto". Tio estas aparta plezuro. Ĉiuj estas kortuŝitaj. La Esperanto-asocio Baŭru, fondita en 1965, leĝe registrita kaj agnoskita kiel kultura fako, havas la apogon de urbaj kaj instruaj instancoj. En Baŭru (200.000 enloĝantoj), regiona sidejo de la fervojo, mi inspektas modernan stacidomon. Ĉi tie mi aŭdas, ke ankaŭ virinoj trovas okupon ĉe la fervojo, sed nur en la sociala servo.

Post tranokto en privata domo de esperantisto ni komencas dimanĉe la 23.7. la hejmvojon. Ni prenas alian direkton por konatiĝi kun alia regiono, kiun oni ŝerce nomas "dolĉa laktokafo". Ĉi tie ĉefe videblas sukerkano, paŝtejoj kaj kafoplantejoj. Post la 18-a horo ni alvenas lacaj kaj malpuraj en Überaba. Neatendite gastama akcepto en la familio de junulino forprenas de mi preskaŭ la spiron. 8-ope ni ricevas okazon por duŝi kaj vespermanĝon. En amika rondo ni longe babilas. Ankaŭ ĉi tie mi spertas grandan entuziasmon inter la junularo, kiu la unuanfojon praktikas la internacian lingvon kun alilandanoj. Dum ĉi tiu nokto malbone mi dormas. Terura trafika bruo kaj flaro de benzino kaj oelo ĝenas min. Mi sopiras la trankvilecon kaj freŝan aeron de Bona Espero.

Frumatene ni daŭrigas nian vojaĝon, nun je konata vojo. Mejlojn post mejloj rapidas nia aŭtomobilo. La ensidantoj kantas, gaje babilas pri la multnombraj travivaĵoj de la pasintaj tagoj aŭ portempe dormetas. Malheliĝas! Subite inter Catalan kaj Cristalina paneas nia kombio. Necesas provizora ŝanĝo de pneŭmatiko meze sur la aŭtoŝoseo. En riparejo de Cristalina fakulo poste ĉion ordigas. Kontentaj, dankemaj, ke ne okazis pli grava afero dumvoje, ni iom post la 20a horo realvenas en Brasilia.

. . . . . . . . . . . .

La 1-an de aŭgusto mi revenis en mian hejmon. Sed ... miaj pensoj ankoraŭ vagadas tra Brazilo kaj ĉirkaŭas la multajn simpatiajn geamikojn. Mi esperas baldaŭ revidi ilin.

E. Kruse

# FERVOJAJ INFORMOJ

GABON (Mezafriko)
En la ŝtato Gabon nuntempe estas konstruata normalŝpura fervojtrako, kiu havas la nomon Transgabonais kaj interligos la havenurbon Owendo kun la interna regiono de la lando. La konstruado finiĝos verŝajne en la jaro 1980. La fervojo servos precipe al la transporto de oleo, urano kaj mangano.

Federacia Respubliko GERMANIO.
La ofte citita aserto, ankaŭ flanke de oficialuloj, ke la surrela trafiko estas pli multekosta ol la privata aŭtomobilo estas ekonomie malĝusta. Kompara kalkulo kondukas por la aŭtobuso al kostoj de 0,15 germanaj markoj (DM) po pasaĝerkilometro. Por la privata aŭtomobilo la kostoj estas minimume 0,23 DM. Ne enkalkulitaj estas elspezoj por la ekologio kaj konstruo de stratoj. La fervojo kontraŭe bezonas maksimume 0,054 DM po pasaĝerkilometro.

IRLANDO
La Irlandaj Fervojoj (CIE) daŭrigas la raciigon de sia entrepreno, i.a. per elektrizado de la trakoj ĉirkaŭ Dublin. Por la plibonigo de la surstrata trafiko, kiun CIE ankaŭ funkciigas, estos uzataj novaj unuetaĝaj kaj duetaĝaj aŭtobusoj.

JAPANIO
Inter la grandaj japanaj urboj kursas nuntempe ĉiutage 268 eksprestrajnoj. El la pli ol unu miliardo da transportitaj pasaĝeroj depost la ekfunkciigo sur la linio Tokio-Osaka eĉ ne unu pasaĝero estas vundita aŭ mortinta, kio atestas absolutan rekordon de sekureco.

(Kompostita de W. Barnickel, FRG.)

ATENTU:

Ĵus estas eldonita la "TCV":

Komuna Internacia Tarifo por la Transporto de Pasaĝeroj kaj Pakaĵoj. Kajero 1.

Ĝia aktualeco estas 1.11.78.

Havebla ĉe Gernot Ritterspach, D-6070 Langen/Hessen, Berliner Allee 1, S. St.

# NEKROLOGOJ

NEDERLANDO

La 20an de julio 1978 mortis nia fidela membro

P.C. Van Roy, Eindhoven, en la aĝo de 73 jaroj.

Ek de 1950 li estis membro, kaj li multe kontribuis al la disvastigo de Esperanto.

La 8an de aŭgusto 1978 mortis alia fidela kaj laborema membro, nome

G.G. Van Veldhuizen, Utrecht. Li fariĝis 86-jara.

Veldhuizen estis unu el la iniciatintoj, kiuj en 1936 fondis la Utreĥtan Fervojistan Esperanto-klubon "La Fluganta Rado". En 1953 li partoprenis en la laboro por la 5a IFEF-kongreso en Utrecht.

Al la parencoj de ambaŭ membroj ni esprimas nian sinceran kondolencon.

Ili ripozu en paco.

GERMANIO

La 19-an de septembro mortis nia longjara membro

Alfred Lemme, Ludwigshafen/Rh, en la aĝo de 77 jaroj.

Li ripozu en paco. IFEF

## Anonceto

Tiuj, kiuj serioze okupiĝas pri folkloraj kantoj ...:
Goar Engelander, Thomasweg 3, D-4796 Salzkotten.

RECENZO

Literatura Foiro, kultura revuo en Esperanto.
IFEF-anoj povas aboniĝi ĉe
Germano Gimelli, via D. Creti 61, I-40128 Bologna. Jarabono: 4000 liroj.

## Gravaj enhavaĵoj



La redaktofino por la venonta IF estas 15.1.1979.



Grafika kaj teknika prizorgo: Esperanto-Centro Aarhus